Driemaandelijks tijdschrift. Afgiftekantoor: Antwerpen X.
ISSN 1013-2031
Jarkolekto 28 - trimonata
3/98

ILEI

Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO




**Redaktoro:**
Jozefo Németh

**Vicredaktoro**:
Katalin Smidéliusz

**Kunlaborantoj**:
Stefan MacGill,
Johano Kirsch,
Françoise Noireau,
Atilio Orellana Rojas,
Franz-Georg Rössler

## ENHAVO



## ESTRARO DE LA LIGO

**Prezidanto:** Maŭro La Torre, Dipartimento di Scienze dell'Educazione, Terza Universitá di Roma, Via del Castro Pretorio, 20, IT-00185 Roma, Italio. Tel. +39-6-4957805, fakso: +39-06-4452642. <m.latorre@uniroma3.it > *Interlernejaj projektoj, komunikiloj, terminaro, reprezentado.*

**Vicprezidanto**: Stefan MacGill, Bethlen Gábor u. 2, HU-2030 Érd, Hungario. Tel. +36 23 364 198. *Lerniloj, komunikiloj.*

**Sekretario:** Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag. Tel. +31 70 355 6677, fakso: +31 70 358 4422. <iei001@worldonline.nl> *Membraro, ekzamenoj konferencoj.*

**Vicsekretario:** Jennifer Bishop. 39 Hill Street, Hawthorn, AU-Victoria 3122, Aŭstralio. Tel. +61 3 9818 7358. <esperanto@education.monash.edu.au> *Lernejoj, konferencoj, gimnazio.*

**Kasisto:** Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio. Tel. +46 415 501 52. *Financo, konferencaj financoj. Membraro.*

**Membro**: Carla De Lorenzi, via Boston 65, IT-10137 Torino, Italio. Tel. +39 011 390 787. *Trejnado, lerniloj.*

**Membro**: Antonio Leoni de Leon. 1 rue Chandieu, CH-1202 Gèneve, Svisio. Tel. +41 22 734 2996. <katina.de-leon@ties.itu.int> *Trejnado.*

Mauro La Torre

# TRI CELOJ POR ILEI

*Karaj Gekolegoj!*

Ĵus elektita en la estraro, mi komencis cerbumi, kion plej urĝe fari por revigligi la asocion.

Dum ĉiuj estraranoj planas la farendaĵon en sia specifa agokampo (instruistoj kaj lernejoj, komunikiloj, lerniloj, ekzamenoj kaj konkursoj, klerigado kaj trejnado, konferencoj kaj E-gimnazio, interlernejaj projektoj, terminara agado, financoj, reprezentado), mi volas rapide profiti la lastan redaktan tempon de la revuo, por saluti vin kaj tuj esprimi al vi mian principan proponon, pri kiuj estu la fonaj celoj de nia estonta agado.

Kiel diras ĝia nomo, ILEI (la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) kunligas mondskale la instruistojn, kiuj subtenas novan lingvan ordon, bazitan sur planlingvo Esperanto. Sed kion konkrete celas ĉi tiu Ligo? Ni menciu tri unuarangajn celojn, kiujn ĝi havu, laŭ ordo de kreskanta grandeco.

## Unua celo

Disaj tra la kontinentoj troviĝas kelkdeko da lernejaj klasoj, kie oni - regule aŭ escepte - instruas Esperanton. Ili ne estas multaj, sed ili simbolas kaj elprovas nian strebadon. Do nia unua minimuma celo estu subteni tiujn instruistojn, kiuj apenaŭ pretervivas kontraŭ ĉiaj malfacilaĵoj (antaŭjuĝoj, manko de rimedoj, izoliteco, ktp.).

## Dua celo

Krom la ĵus menciita avangardo, ekzistas multaj centoj da aliaj instruistoj (eĉ miloj), kiuj kvankam ili estas ja por uzo kaj disvastigo de la Internacia Lingvo, tamen pro diversaj kialoj ne havas la eblecon mem instrui la lingvon en siaj lernejoj.

Mi kredas ke nia dua plej grava celo estas helpi almenaŭ parton de ĉi tiuj esperantanoj, iel enkonduki la lingvon en siaj labormedioj, se ne per regula enklasa instruado, almenaŭ per informaj prelegoj aŭ per inter-lerneja kunlaborado helpe de Esperanto.

Jam ĉi tiu dua celo (atingi kaj helpi ĉiujn esperantistajn instruistojn) estas sufiĉe impona kaj defia por niaj asociaj fortoj, ĉar la E-favoraj instruistoj ekster ILEI estas treege pli multaj ol la ILEI-anoj. (Aliflanke, se ni ne alfrontos ĉi tiun problemon, ni restos nura klubo, kiu aranĝas mondajn konferencojn por ... 50 partoprenantoj!)

## Tria celo

La tria labornivelo - la plej malfacila - estas la dezirinda eliro el la nunaj limoj de E-movado, por kunlabori kun aliaj instruistaj asocioj (ekzemple de lingvo-instruistoj) kaj kun la instancoj, kiuj okupiĝas pri eduko kaj klerigo (Unesko, landaj instru-ministerioj, porinstruistaj alt-lernejoj, ktp.).

## *Konklude*

Neniu pensas ke la diritaj celoj povas esti plenumotaj morgaŭ. Sed ĉu ne eblas - jam ekde morgaŭ - kompari niajn fortojn kaj planojn kun tiuj celoj?

Ĉu por la ceteraj jam planitaj celetoj kaj celegoj, ni ne provu hierarkiigi ilin laŭ graveca kaj urĝeca ordo?

Nu, por komenci, ni provu - ĉiu en sia lando aŭ regiono - esplori la situacion rilate la diritajn tri celoj:

1. en kiuj klasoj (ĉe ni) oni iel instruas E-on aŭ iel laboras pri ĝi?
2. kiel trovi (aŭ kompili) liston de instruistoj de nia regiono, kiuj estas esperantanoj?
3. kiuj profesiaj asocioj aŭ sociaj instancoj en nia medio havas celojn, kiuj kongruas (almenaŭ parte) kun tiuj de ILEI?

Bonvolu sendi al ni viajn respondojn aŭ proponi viajn kromajn problemojn, kaj ... bonan laboron por la komenciĝanta lernjaro!

Romo, 1998.08.13.

*Maŭro La Torre*
(via nova prezidanto)
<m.latorre@uniroma3.it>

*NdlR – Daŭrigante temon lanĉitan en la gazeto de UEA pri interkultura edukado, Maŭro La Torre per la suba artikolo provas skizi iun eblan lernejan projekton en tiu kadro. Ambaŭkaze li volas provoki vin al konstrua diskuto kaj al eventuala envolviĝo en la projekto de ILEI/Unesko.*

Maŭro La Torre

# Gvidlinioj por lerneja edukprojekto INTERKULTURO

## 1. Bezonoj de interkultura edukado

La variecon aŭ unuecon de la hodiaŭa mondo oni povas rakonti multmaniere inter jenaj du ekstremaj vidoj.

*Priskribo A*: la homaro sur nia planedo tiel intense interkomunikiĝas kaj vojaĝas, la ekonomioj de la unuopaj regionoj kaj la decidoj de la lokaj institucioj estas tiom interdependaj unu de la aliaj, la vivmaniero kaj la pensmaniero de la individuoj tiom konverĝas al samaj modeloj, ke ne plu havas multan sencon paroli pri memstaraj ŝtatoj, apartaj nacioj, etnoj, kulturoj, lingvoj: la mondo iĝis kvazaŭ unu tutgloba vilaĝo.

*Priskribo B*: homoj kaj homgrupoj ĉiam pli klare sentas bezonon redifini sian apartan identecon kaj radikon. La nunaj ŝtatoj kaj ŝtataroj plej ofte estas aĵoj tro grandaj kaj alcentrigaj, kiuj alsuĉas monon kaj potencon, rilatante kun lokaj komunumoj kvazaŭ tiranecaj gepatroj kun siaj neplenaĝaj gefiletoj. La lokaj komunumoj, la etnaj grupoj emas repreni sian dignon, liberiĝi el la ŝtata jugo, remalkovri sian lingvon, siajn tradiciajn morojn kaj specifajn kulturajn trajtojn.

Ambaŭ tiuj rakontmanieroj iom veras, ĉar fakte temas pri du kunekzistantaj tendencoj (la tutglobisma kaj la lokisma), kiuj ĉeestas kaj facile videblas en la nuna mondo, kaj tiras ĝin laŭ malaj direktoj, kun laŭokazaj balanciĝoj aŭ misekvilibroj.

Unuflanke ĉiuj homoj vere pli multe komunikas kun foraj aliuloj per telefono, televido, kaj komputilaj retoj; krome, parto de la homaro ankaŭ korpe vojaĝas ĉu laborcele ĉu turisme. Aliflanke, malgraŭ la oftaj

interkontaktiĝoj kaj intermiksiĝoj, ankoraŭ ja ne-eviteble ekzistas multaj centoj da etnaj grupoj kun siaj apartaj kulturoj kaj lingvoj. Do, resume, ni povas diri ke pluekzistas multaj kulturoj, kiuj (tre pli ofte ol iam) renkontiĝas pace aŭ malpace eĉ en sama loko, kaj eĉ en sama homo.

Sed ni fokusigu nian atenton al la hodiaŭaj eduksistemoj. La klasoj mem, precipe en la pli riĉaj landoj, gastigas ĉiam pli ofte kaj grandkvante fremddevenajn infanojn; en kelkaj landoj, kie enmigrado daŭras de pli longa tempo, la proporcio inter indiĝenaj kaj alidevenaj klasanoj emas inversiĝi. Sendepende de tiu fenomeno la infanoj estas ĉiam pli ofte frapataj de alies kulturaĵoj: ekde japanaj desegnofilmoj ĝis usonaj vestmanieroj, de afrikstila muziko al anglalingvaj interretaj afiŝejoj.

Ĉe tiaj kultur-kontaktoj, kiuj donas diverstipajn rezultojn (iam la kultureroj pace kunfandiĝas, iam la forta kulturo voras la malpli fortan, iam okazas sociaj konfliktoj), kiel kondutu edukistoj kaj eduksistemoj?

Unu malnova strategio estas strebi al integrigo de la fremduloj en la gastigantan kulturon (la enlandan), igante ilin civitanoj kiel la aliaj, sen reciproka kultura interŝanĝo.

Dua tendenco (pli moderna) estas ne aktive interveni, lasante ke spontane agu la hegemoniaj fortoj (kio nuntempe egalas je kultura usoniĝo de la homoj).

En ambaŭ kazoj la malfortaj kulturoj ĝangale malaperas favore al la pli fortaj.

Ni demandas nin ĉu eduksistemo ne povas adopti malpli ĝangalecajn modelojn. Ĉu oni povas elpensi edukmodelojn, kie ĉiu lernanto (sendepende ĉu li estas de ĉi tie aŭ de alie) renkontas plurajn kulturojn, komparas ilin, klopodas kompreni la diversecojn, kaj eventuale alprenas ties pozitivajn kontribuojn? Ĉu ne povas esti ankaŭ eduka la analizado de la kliŝaj negativaj antaŭjuĝoj pri alies kulturaĵoj?

## 2. Ĉefaj ecoj de edukprojekto Interkulturo

En la lernejaroj de pluraj landoj preskaŭ laŭmodiĝis paroli pri la oportuneco enkonduki interkulturan edukadon. Sed ĉu vere ĉiuj same komprenas tiun esprimon? Kelkfoje temas pri toleremo pri diversecoj, alifoje pri instruado

nur de la enlanda kulturo, tamen konsiderante la malfacilaĵojn kiujn povas renkonti la alikulturaj lernejanoj, ankoraŭ alikaze iu povas pensi pri ia edukado neŭtra rilate kulturajn apartaĵojn, ktp.

Tial, por daŭrigi nian traktadon, konvenas iomete klarigi kiusence ni uzas la terminon 'interkultura'.

Ni nomas interkultura edukado edukmodelon, kiu favoras oportunajn spacojn por kontaktado kaj komparado kun alies kulturoj. (Tio ne malpermesas principe ke la modelo havu iun centran kulturon, ekzemple la enlandan, sed ĝi ne konsideras ĝin kiel *la* Kulturo). Memkompreneble, laŭ la aĝo kaj kapabloj de la lernantoj, tiu kontaktado kaj komparado povas esti pli aŭ malpli profunda: ekde la minimuma konscio pri ekzisto de aliaj respektindaj vivkutimoj kaj mondkonceptoj, ĝis la analizo pri ties radikoj, kaŭzoj kaj interrilatoj.

En tiu kadro ni volas lanĉi multlandan edukprojekton, kiu ete kontribuu (almenaŭ simbole) al interkultura edukado. La ĉefaj ecoj de nia (planota) projekto INTERKULTURO estas la jenaj.

2.1. Ĝi koncernas lernejajn klasojn de pluraj mondopartoj. Principe ju pli da landoj partoprenos, des pli signifoplena estos la kunlaborado.

2.2. La esenca agado de la klasoj estos kontaktiĝo kun la realaĵo de iuj regionoj, per interŝanĝo de informoj kaj dokumentoj (dokumentoj povas esti infangazetoj, bildoj, sonbendoj, reprezentaj objektoj, ...)

2.3. La kontaktoj kaj interŝanĝoj estu kiom eble plej aŭtentaj kaj senperaj. Alivorte, la informoj pri iu regionoj estu produktataj de la tieuloj (lernejanoj mem aŭ ties instruistoj).

2.4. Alia paralela agado, subtenanta la ĉefan, estos lernado de planlingvo esperanto, pro du kialoj:

2.4.1. (efikeco) dum nur kelkaj semajnoj la lernantoj povas uzeti la lingvon por ekkomuniki kun alilandaj klasoj;

2.4.2. (simboleco) la utiligo de neetna kodo konkrete simbolas novan

komunikmodelon ne altrudan aŭ hegemonian.

En nia projekto la interrilato inter la kultergeografia lernado kaj la lingva lernado ne estos simetria:

* celo estas interkultura edukado;
* ilo estas la planlingvo esperanto.

Tia nesimetria rilato inter ilo kaj celo speguliĝos ankaŭ en la proporcio inter la respektivaj lernotempoj, kiu povus varii laŭ la skemo prezentata en bildo 1.

*Bildo 1: Principa tempo-skemo de edukprojekto INTERKULTURO laŭ lernjar-duonoj kaj ensemajna horara dispartigo.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *2-a jaro* | *4-a jarduono* | lingvo | **geografio** |
| | *3-a jarduono* | lingvo | geografio |
| *1-a jaro* | *2-a jarduono* | lingvo | geografio |
| | *1-a jarduono* | **lingvo** | geografio |

*1 h* *1 h* *1 h*

Kiel oni vidas, oni laboros dum du lernojaroj, komence per pli da lingvo ol geografia interkontakto, kaj fine inverse kun pli da tempo dediĉata je kultur-interŝanĝoj (kompreneble per E-o).

### 3. La konsistigaj partoj de la projekto

La projekta skizo, kiun mi prezentas ĉi tie, estas ankoraŭ hipotezo, pri kiu oni diskutos kaj planos dum la komenciĝonta jaro, por ĝin realigi dum lernjaroj 1999/2001.

Fakte celo de ĉi tiu prezento estas ĝuste veki la debaton pri ĝia indeco kaj

ebleco. Tamen, por simpligi la priskribon, mi parolos kvazaŭ ĉio estas jam decidita.

3.1. Subjektoj de projekto INTERKULTURO estos kelkaj dekoj da lernejaj klasoj en diversaj kontinentoj. Ili sin proponos, akceptiĝos kaj sin pretigos dum la lernjaro 1998/99. Sume partoprenos kelkcent geknaboj kun multaj gepatraj lingvoj, lernosistemoj kaj fonaj kulturoj. La tuton aŭspicios Unesko en sia kadra programo Lingŭapakso (lingvopaco).

*La fakoj de la edukprojekto sinteze aperas en bildo 2.*

3.2. La ĉefa lernobranĉo koncernos kulturan geografion.
Ĝiaj agadoj kaj materialoj povas grupiĝi jene:

3.2.1. Landaj slipoj, verkitaj de instruistoj (aŭ fakuloj) el la koncerna regiono. Tio estas informpaĝoj kun mapoj, pri iuj fizikaj kaj homrilataj aspektoj de tiu lando, laŭ komune interkonsentita temkrado.

3.2.2. Esplor-proponoj estas komunaj sugestoj al la klasoj pri enketoj kaj dokumentaj interŝanĝoj (konkretaj objektoj), pri diversaj aspektoj de la studataj regionoj (manĝoj, vestoj, klimato, telekomunikado, lerneja vivo, prezoj, salajroj, sano, bestoj, ĉirkaŭa teritorio, monumentoj, ktp.). Temas pri detalaj proponoj pri konkretaj agoj, inter kiuj ĉiu klasoj elektos la realigotajn. Krome, aldoniĝos ekzemplaj sugestoj pri kiel prilabori la kolektitan materialon.

3.2.3. Interklasaj interŝanĝoj (laŭ la supre menciitaj sugestoj) de interesaj informoj kaj de objektoj, kiu rolos kiel tuŝeblaj dokumentoj pri la elektitaj temoj.

3.2.4. Klasaj produktoj, kio estas la ellaboritaĵoj de la lernejanoj, surbaze de kolektitaj informoj, dokumentoj, kaj oportunaj pridiskutoj kaj komparoj.

3.3. La dua lernobranĉo estos lernado de planlingvo esperanto, kiel ilo praktike utiligata en la kulturgeografia esplorado (kun sia jam menciita eduksimbola valoro).

*Bildo 2: ĝenerala strukturo de edukprojekto INTERKULTURO*

| *fako* | *funkcio* | *materialo* | *kanalo* | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | ekrana | elŝuta | papera | alia |
| geografio | LANDAJ SLIPOJ | tekstoj, mapoj, skemoj | ❑ | ✂ | ✉ | |
| | ESPLOR-PROPONOJ | enketsugestoj, komparskemoj, ktp | ❑ | ✂ | ✉ | |
| | INTERŜANĜOJ | informoj, dokumentoj | | | | |
| | KLASAJ PRODUKTOJ | tekstoj, bildoj, sondokumentoj | ❑ | | ✉ | |
| | | | | | | |
| lingvo | E-LECIONOJ | | ❑ | ✂ | ✉ | |
| | E-EKZERCADO | komprenado / produktado parola / skriba lingvaj ludoj | | | | ☎ |
| | E-HELPILOJ | vortaroj, tekstaroj, informaroj | ❑ | ✂ | ✉ | |
| | | | | | | |
| ena komunikado | BULTENO | ena informilo | ❑ | ✂ | ✉ | |
| | GEKNABA AFIŜEJO | libera komunikejo | ❑ | ✂ | ✉ | |
| | INSTRUISTA DISKUTLISTO | profesia debatejo por e-instruistoj | ❑ | ✂ | ✉ | |

3.3.1. Lingvaj lecionoj laŭ komunik-situacia metodo.

3.3.2. Ekzercado pri la bazaj lingvaj kapabloj: aŭskulto, lego, parolo, skribo.

3.3.3. Helpiloj por lingva alproprigo (tabeloj, vortlistoj, tekstaroj, referencoj, ktp.).

3.4. Fine, sed ne malĉefe, la partoprenantaj klasoj disponos je taŭgaj komunikkanaloj por kunlabori inter si kaj esplori la foran mondon. Precipe temas pri komputilreta medio, el kie ili povos elŝuti la necesajn lernomaterialojn, tra kiu ili povos rapide korespondi kun la aliaj klasoj, en kiun ili povos afiŝi siajn produktaĵojn. Ekzemplon de tia reta medio ni vidos en la posta subĉapitro.
Por la klasoj, kiuj ankoraŭ ne havus ret-aliron, aŭ kiuj iel havus teknologiajn barojn, oni antaŭvidas paperpoŝtan disdonon de la materialoj, konscie ke tia diskriminacia maniero estas kiom eble evitinda.

**4. La kvazaŭa lernejo**

Imagu 20 klasojn disajn tra la mondo (de Kroatujo al Ĉinujo, de Kanado al Taĝikujo), kiuj iumomente interkomunikas kvazaŭ ili loĝus sub sama tegmento.

Per la tutplaneda komputila Interreto oni povas komputil-ekrane simuli medion de kvazaŭ-unu lernejo, konsistanta el foraj pecoj (la diverskontinentaj klasoj).

*La simulata lerneja medio surekrane aperus ekzemple per la mapo skize videbla en bildo 3 (vidu la 10-an paĝon).*

Enirinte la kvazaŭan lernejon, tuj dekstre oni povas trovi ĝeneralajn informojn pri la programoj, kalendaroj, superaj instancoj (ILEI, UEA, Lingŭapakso, Unesko, ...).

Alklakante iun el la maldekstraj klasĉambroj, oni vidas grupan foton kaj nomliston de la klasanoj, kaj kompreneble per plua butonpremo povas malfermi ekranfenestron, kie oni povas mesaĝi al tiu klaso.

Memkompreneble en la biblioteko kaj en la gazetejo oni povas konsulti utilajn verkojn, lernomaterialojn kaj bultenojn.

Aparte grava estas la lingva laborejo, kie oni ekzercas sin pri la bazaj




kapabloj kaj krome povas konsulti vortarojn kaj antologiojn. En la fona afiŝeja koridoro oni povas alpingli siajn publikajn mesaĝojn. Dum en la antaŭa ekspozicia halo, fine de iu studperiodo, oni pendigos siajn tekstajn, bildajn, aŭ eĉ sonajn verkaĵojn. La instruistaro, kvazaŭ en komuna salona kunsido, povas per reta diskutlisto komune pritrakti siajn profesiajn problemojn.

**Kvazaŭ-konklude**

La tuto iom aspektas kiel fikci-literatura revo, kaj duone ĝi povus resti tia; tamen ĉu io el tio ne estas jam nun realigebla, serĉante oportunajn kunlaboremulojn kaj apogantojn?

Oni ekdiskutu ĉu ni, kiel ILEI+UEA+Lingŭapakso, volas kaj kapablas aktualigi almenaŭ partojn de la skizita eduka revo.

*Maŭro La Torre (Romo, Italujo), <m.latorre@uniroma3.it>*




Laŭ la temo "Lingvoinstruado: ponto al la mondo", tre diverse kaj sperte prelegis sep eminentaj instruistoj. Atilio Orellana Rojas, direktoro de IEI unue bonvenigis ĉiujn kaj prezentis siajn deĵorantinojn, s-inojn Mireille Grosjean kaj Jennifer Bishop, kiuj efike kunlaboris por certigi akuratan finon, sen tro da disputado pro manko de tempo por diskutado.

Prezento de la landa eduksistemo estas nun tradicio. Daniel Moirand koncize priskribis la francan eduksistemon ekde la mezepoko ĝis la nuna tempo. Dum sia propra prelego 'Lingvo instruado, ponto inter kulturoj', Mirielle Grosjean avertis pri la diferencoj kulturaj kaj lingvaj en sia lando, Svisio, kiuj povas veki antaŭjuĝojn. Lernejaj interŝanĝoj, ŝi konstatis, se ili estas bone aranĝitaj, povas servi kiel bonaj instruiloj por dispeli tiujn sentojn. Mireille poste montris sian tre ampleksan gvidlibron tiurilate. De enlanda situacio al tergloba situacio, Prof. Ronald Glossop el Usono, post priskribo de la evoluo de lingvopotencoj kaj politikaj unuoj, pensigis pri la lingvaj bezonoj de la onta dudek-unua jarcento kaj avertis ke necesas ĝuste nun instigi al naciaj kaj internaciaj registaroj serioze pritrakti la situacion. Por instaligi Esperanton kiel vera 'ponto al la mondo', necesos interkonsenti ankaŭ pri terminoj kiuj nuntempe povas aspekti samasignifaj rilate naturan lingvon sed en Esperanto signife iom diferencas. Tiun ĉi diskutindan temon koncerne instruadon, traktis D-ro Maŭro

la Torre ( Italio) dum D-ino Ilona Koutny (nun el Pollando), parolis pri la uzo de vortaroj kaj ankaŭ pri la preparado de diversspecaj vortaroj, ekz. laŭ temo por helpi al instruado. Krome prezentis la tekstverkinto, s-ro Paul Gubbins (Britio) la novan altkvalitan interkulturan videokursaron "Esperanto, Pasporto al la tuta mondo" kiu konsistas el 15 lecionoj el kiuj 5 jam haveblas kune kun la ĵus alveninta ekzercaro, verkita de Stefan MacGill. Fininte la programon sed antaŭvidante tre valoran interlernejan kunlaboradon ene de Eŭropo, s-ro Hans Erasmus (Nederlando) prezentis sian projekton 'Neighbour' (Najbaro) kiu jam ricevis apogon de la Konsilio de Eŭropo kaj sidos tre taŭge ĉe Universitato de Amsterdamo. La Tago de la Lernejo proponis temojn por plua traktado dum la kongresa Kolokvo pri Multkultura Edukado kaj dum la sekvinta 32-a ILEI Konferenco.

*Jennifer Bishop*

## ILEI-KONFERENCO

La 32-a ILEI-Konferenco plensukcese okazis en Montpellier (Francio) inter la 8-a kaj la 14-a de aŭgusto. La sidejo estis la loka katolika seminario por pastriĝontoj "*Centre Saint Guilhem*". Al ĝi aliĝis 64 personoj el 24 landoj (AL, AR, AU, BE, BG, BJ, CH, CO, CU, ES, FR, HR, HU, IT, KG, NG, NL, NP, RO, RU, SE, TG, UK, US) el 4 kontinentoj.

La konferenca temo estis "*Lingvolernado, ponto inter kulturoj*" kaj ĝi estis pritraktita de S-ino Mireille GROSJEAN el Svisio. La konferenco kalkulis je la valora kontribuo de diversaj aliaj prelegantoj, kiuj prezentis jenajn temojn:

- Esperanto, pasporto al la tuta mondo (S-ino Doroteo HOLLAND),
- La E-Movado en Benino, Brazilo kaj Togolando (S-roj Benoit ZINKPE, Reinaldo FERREIRA kaj AFANTCHAO Yao respektive),
- Ekzamena sistemo de ILEI/UEA (S-ro Hans ten HAGEN),
- La Freinet-metodo (S-ino Carla De LORENZI),
- Interlernejaj projektoj (S-ro Maŭro La TORRE)
- Lernejo de Humaneco (S-ro Gerard COOL)
- Preter naciismo al tergloba komunumo (Ronald GLOSSOP),
- Problemoj kaj proponoj por la instruado de Esperanto per instruistoj sen kono de dua lingvo (S-ino Jennifer BISHOP),

- Servoj al instruistoj (S-ino Marija BELOŜEVIĈ),
- Socia kaj psikologia evoluo de la rilato inter gelernantoj kaj geinstruistoj en la fino de la 20-a jarcento (S-ino Ghislaine TILLEUX-CRAENHALS),
- Universitato de la tria aĝo (S-ro Lawrence MEE),
- La Urso-kurso (S-ro Malcom JONES),
- Uzo de vortaroj dum instruado kaj interlingvistikaj studoj (D-ino Ilona KOUTNY).

*[Ni volonte aperigos la prelegojn en IPR. Bonvolu sendi ilin al nia redakcio! – NdlR]*

Menciindas, ke 2 diversaj Laborgrupoj agadis dum la Konferenco, unu el ili pri Terminaroj kaj la alia pri la projekto "Interkultura Edukado", ambaŭ sub la gvidado de Maŭro La TORRE.

Cetere, ĉiutage antaŭ la vespermanĝo eblis konatiĝi kun diversaj kunagadaj ludoj, kiujn gvidis S-ino Ghislaine TILLEUX-CRAENHALS. Ĉiam granda kvanto el la ĉeestantaro ludis kaj amuziĝis dum 30 minutoj. Dum la vesperoj okazis diversaj eroj, interalie interesa kartludado utiligebla tutcerte en E-kurso, kiun gvidis S-ino Angela TELLIER kaj S-ro Malcom JONES, alitage la kubaj ĉeestantoj kantigis la konferencanojn, sed sendube la plej memorinda estis la lotumado dum la fermo, kiam nia nova Estrarano, S-ino Jennifer BISHOP amuze prezentadis la premiojn al la publiko. La kolektita mono de la lotumado, kelkcent francaj frankoj, estis destinita al la Koleghelpa Kaso, kiu permesas al kolegoj en nepagipovaj landoj aliĝi al ILEI.

La konferencanoj estis dum 2 diversaj tagoj akompanataj de la loka esperantistino, D-ro Yvette VIERNE, viziti la malnovan urbon Montpellier. Pro la altaj kostoj ĉi-jare ne estis ofertata al la ĉeestantoj la ebleco pri grupa tuttaga ekskurso, tial fariĝis diversaj grupoj, kiuj diversloken vojaĝis kaj tiel iom konatiĝis kun aliaj partoj de tiu regiono.

Kadre de la Konferenco okazis **C-Seminario pri Cseh-metodo**, kiun gvidis Atilio ORELLANA ROJAS. Ĝin partoprenis 5 kandidatoj en 4 landoj kaj post la parola kaj praktika ekzamenoj sukcese diplomiĝis 3 personoj, kiuj dum la fermo ricevis sian diplomon kiel Cseh-instruistoj. Temas pri S-ro Licio de ALMEIDA CASTRO el Brazilo, S-ino Monique NOËL el Francio kaj S-ino Sabine TRENNER el Germanio.

La **Komitato** kunsidis dum entute 11,30 horojn. Ĉeestis reprezen-tantoj el Argentino, Aŭstralio, Belgio, Brazilo, Britio, Finnlando, Italio, Kroatio,

Kubo, Nederlando, Rumanio, Svedio, Svisio kaj Usono.

La Komitato akceptis novan Honoran Membron, S-ino Nora MOERBEEK kaj la ĉeestantaro omaĝis ŝin, S-inon Idyss EINHOVICI (pasintjare elektita ILEI-Honora Membro) kaj S-ron Petro RULOFIDO, ĉiuj el ili tri forpasintaj per unuminuta silenta starado.

**Diversaj sekcioj** raportis pri la instrua agado en la koncerna lando: Argentino, Aŭstralio, Brazilo, Britio, Ĉinio (skribe sendita), Francio, Italio, Kroatio, Kubo, Nederlando, Svisio, Usono kaj ankaŭ reprezen-tantoj en landoj sen sekcio: Benino, Bosnio-Hercegovino, Bulgario, Pollando (skribe sendita), Togolando, Ukrainio (skribe sendita), Uzbekio (skribe sendita).

**La financa raporto** post rekontrolo estis aprobita kaj same la financa plano por 1999. La kasisto informis, ke la kapitalo iom malkreskis pro la granda deficito de la pasintjara Konferenco en Aŭstralio.

Tre grava ero en la programo de la Konferenco estis la pritrakto de la nova **Statuto kaj Interna Regularo.** La teksto de la amendoj proponitaj estis vaste diskutita kaj la teksto de ambaŭ dokumentoj estis fine fiksita. La Sekciestroj kaj Reprezentantoj ricevos ambaŭ dokumentojn, sed la membroj interesitaj havi ĝin povas sin turni al la Sekretario.

Estis elektita **nova Estraro**, kies konsiston vi legas en la dua kovrilpaĝo de ĉi tiu revuo. La nova Estraro havis la okazon 2-foje kunsidi dum pli ol 5 horoj kaj pridiskuti la ĝeneralan situacion de la Ligo. Tiam okazis la disdivido de taskoj kaj reorganizado de la diversaj komisionoj de ILEI. La Komitato aprobis la Jarraporton por la periodo 1997.

La "**Strategia Plano de ILEI**" estis prezentita kaj la Estraro raportis pri la ĝisnunaj atingoj. Menciindas, ke Stefan MacGILL kaj Atilio ORELLANA ROJAS prilaboras novan varbfolion por ILEI; la registro de lernejoj, kie estas io pri Esperanto, prizorgita de Maŭro La TORRE jam aperis en TTT-paĝo kaj estis mencioj al la ebleco okazigi la sekvajaran Gimnazion de ILEI kadre de UK post interkonsento kun UEA.

Akceptitaj estis 2 **novaj Sekcioj**: Irano kaj Pollando. Ili ambaŭ jam estis en la kategorio "Reprezentantoj" kaj konsiderante ilian agadon kaj evoluon en la lasta jaro okazis unuanima akcepto, dank' al kio ILEI nuntempe havas 25 Sekciojn. Okazis ŝanĝoj en la gvidado de la sekcioj en Britio kaj Francio kaj la nomoj kaj adresoj de la novaj estroj aperas en IPR.

**La sekvajara Konferenco** okazos en la urbo Karlovy Vary (Ĉeĥio) de la 7-a ĝis la 13-a de aŭgusto. La temo akceptita por tiu Konferenco estas "Edukado

**al la Paco". Estis raportitaj la laboroj por elekti konferencan urbon en Israelo okaze de la 34-a Konferenco en la jaro 2000.**

***Atilio Orellana Rojas, sekretario de ILEI***

## Rezolucio

La partoprenantoj de la *32-a Konferenco de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj*, reprezentante 24 landojn el 4 kontinentoj, kunveninte de la 8-a ĝis la 14-a de aŭgusto 1998 en Montpellier (Francio) kaj pritraktinte la temon "*Lingvolernado, ponto inter kulturoj*", atentante la 50-jariĝon de la Deklaracio de Homaj Rajtoj, konstatinte kontraŭdiron inter la apogo de naciaj ŝtatoj al la celoj de UNESKO kaj ilia politiko limigi la vizadon al anoj de difinitaj landoj, petas la naciajn aŭtoritatulojn ebligi la kunagadon de laborantoj por paco per kulturo kiel ekzemple la aliĝintoj al Esperanto-konferencoj kaj Kongresoj por ke tiuj laŭ siaj homaj rajtoj povu kune ellabori strategiojn en ekzemple Interkultura Edukado, petas UNESKON atenti la sintenon de naciaj ŝtatoj kaj eventuale admoni ilin rilate la efektivigon ankaŭ de kulturaj homaj rajtoj.

## EL LA LANDOJ KAJ SEKCIOJ

### Albanio

**Nova eldono de la albana Ŝlosilo de Esperanto**

En la jaro 1997 aperis en Albanio nova eldono de la Ŝlosilo de Esperanto. Ĝin pretigis s-ro Agim Peraj, prezidanto de AEL. Agim plibonigis, aktualigis la lingvaĵon kaj riĉigis la radikaron, kiun enhavis la Ŝlosilo antaŭe publikigita de la forpasinta s-ro Ĉefo Fico kaj poste reeldonita de s-ro Usni Zemovski.

La aŭtoro estas tre dankema al s-ro Hans ten Hagen, kiu tutan tempon prizorgis la reviziadon, kompostadon kaj presadon de la libreto. Kun 2800 radikoj kaj Plena Gramatiko de Zamenhof, la Ŝlosilo estos bonega lernilo de E-o por albanaj gejunuloj, kiuj amase interesiĝas nun pri E-o. (Krom ĝi aperis lernolibroj de Vasil Pistoli, Zef Mjeda, Bardhyl Mezini kaj – pro financaj kialoj – ankoraŭ ne aperis la lernolibro de Gjergji Gusho.)

*Informis: Bardhyl Selimi*

## Bosnio kaj Hercegovino

**Somera Lernejo**

En julio 1998 okazis la Dua Somera Esperanto-Lernejo en Teslić, kunorganizite de enlandanoj kaj la E-Instituto de Serbia E-Ligo. 11 kursanoj partoprenis 8-tagan mezgradan kurson kun 40 instruhoroj, kaj 8 instruistoj partoprenis dutagan seminarion kun 12 studhoroj.

La lernejo finiĝis per A- kaj B-ekzamenoj kun po kvin sukcesintoj. La organizantoj decidis refoje oferti instruistajn seminariojn, ankaŭ por novuloj, multigi la distrajn programerojn, altiri pli da eksterlandaj partoprenantoj kaj ekoferti la internaciajn ekzamenojn de UEA/ILEI.

Vizitis la aranĝon s-ro Riccardo Chelleri, reprezentanto de la Misio por Bosnio kaj Hercegovino de la Organizo por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo (OSC). Li klarigis la celojn de sia misio kaj interesiĝis pri eblecoj kunlabori kun E-organizaĵoj en komunaj projektoj.

*Laŭ rete ricevitaj informoj rekte el la Lernejo*
*<esperoel@etf-bl.rstel.net>*
*<esperokg@pesha.bl.rstel.net>*

## Brazilo

**E-kurso en la reto**

Ekzistas 4 E-kursoj en la reto: FEC (por anglalingvanoj), CGE (franca), KEK (germana) MSK (ĉina) kaj Koreia. De longe estas planata la aperigo de hispana versio, kaj la portugala ĉiam estis revo de ni, brazilanoj. Kultura Centro de Esperanto entreprenis la adapton de la franca versio al la portugala lingvo, sub la nomo de CER.

Tiaj retkursoj ne estas *la* plej belaj kursoj, sed ni rezonas, ke pli bone io ol nenio. La sperto montris, ke ili povas funkcii kiel enkonduko al esperantiĝo, por tiuj homoj kiuj kredas, ke neniam ili havos tempon lerni en klasĉambro. La decido funkciigi CER-on naskiĝis post la apero de nia TTT-paĝo, kiam montriĝis pluraj homoj interesitaj eklerni.

Se vi pretas fariĝi korektanto aŭ havas demandojn, bv. kontakti la kunordiganton, Prof. Jozefo J. Lunazzi <kultura@turing.unicamp.br>. La kriterio por korektanto estas kapablo fari la taskon, laŭ la rekomendo de samideanoj aŭ laŭ la sperto kiun vi mem montras per komunikado kun la kunordiganto.

*Kultura Centro de Esperanto Campinas, SP,*
*<kultura@turing.unicamp.br>, <http://www.aleph.com.br/kce>*

## Ĉeĥio

**Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko (KAEST '98)**

En novembro, de la 13-a ĝis la 15-a okazos en Prago la kolokvo *Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko* sub aŭspicioj de UEA kaj ISAE. Ĝin aranĝas Ĉeĥa E-Asocio kaj organize garantias kaj finance subtenas la Kongresa kaj kleriga entrepreno KAVA-PECH, kiu ankaŭ eldonos en pinta poligrafia kvalito la prelegkolekton: la kontribuajoj estos skribitaj en E-o, tamen kun resumoj en la

gepatra lingvo de la preleginto, la angla kaj la germana lingvoj. Tiujn resumojn mi enmetos, ke la verko povu servi ankaŭ reklamcele por montri la vivoeblon de E-o ankaŭ dum fakaj aranĝoj. (Ĝis la 20-a de aŭgusto estas aligitaj 15 prelegoj.)

Plenarkunsido:

**Aplikoj de Esperanto en scienco kaj tekniko (ĝenerale):**

*Z. Pluhar (CZ): Iom da historio de "AEST"*
*P. Chrdle (CZ): Pri aŭtoraj rajtoj internacie*
*R. Sachs (DE): La krabo vivanta en arbo*
*H. Werner (DE): Simetriaj poliedroj ĉirkaŭ ni*
*H. Roessler (DE): Pri la teoremo de Pick*

Sekcio A:

**Modernaj rimedoj de komunikado: iliaj avantaĝoj kaj problemoj**

*F. Nitzche (DE): Prevento de sanecaj perturboj sekve de ĉeekrana laboro*
*R. Foessmeier (DE): Aŭtentikeco kaj sekreteco en moderna komunikado*
*J. Vojacek (CZ): Komputiloj, Interreto, Edukado, Esperanto*
*L. Szilvasi (HU): Diĝita teknika E-Biblioteko*
*M. Malovec (CZ): Komputiligo de libroj: vojo al savo de nia libra kulturo*
*J. Woniczka(DE): Pakedo-radio - Nova speco de digitala komunikadrimedo*

Sekcio B:

**Terminologiaj problemoj de fakaj aplikoj de Esperanto**

*D. Blanke(DE): La rolo de planlingvoj ĉe la evoluo de terminologi-sciencaj konceptoj de Eugen Wüster*
*J. Kavka (CZ): Natursciencaj terminoj en PIV*
*V. Barandovska-Frank (DE/CZ): Observata evoluigo de plurlingva termino-logio en novaj interdisciplinaj fakoj*
*M. Bartovska (CZ): Brodoj*
*W. Blanke (DE): Terminologia E-Centro: spertoj, problemoj, perspektivoj*

Pli da informoj vi povas ricevi kaj aliĝilojn sendi al: *Petro Chrdle, Anglicka 878, CZ-25229 Dobrichovice.* Fakso: *+42029912126.* 🖳: *<chrdle@telecom.cz>*

*Petro Chrdle*

## Ĉinio

**Kune Kreskantaj Sur la Terglobo**

Ni estas la ĉinaj e-istoj kiuj iniciatis la projekton, internacie praktikeblan por popularigi la uzadon de E-o inter la infanoj diverslandaj, kun la titolo "Kune Kreskantaj Sur la Terglobo (KKST)", kaj ni jam laboras en kelkaj urboj ĉinaj funkciigante E-kursojn por la tieaj infanoj.

Ni volonte ricevas de vi ian helpon subteni la projekton:

1) Ĉu troviĝas ĉe vi infanoj 9-16-jaraj kiuj lernas kaj uzas E-on? Se jes, ĉu ilin interesas korespondado kun ĉinaj samaĝuloj E-uzantaj?

2) Ĉu vi eble povus donaci al la projekto iajn materialojn kiajn sonbendo, vidbendo, laserdisko, foto, libro, afiŝaĵo kaj similaj, kiujn ni povas uzi por instigi ĉinajn infanojn lerni E-on?

3) Ĉu vi interesiĝus fariĝi la regiona organizanto de Projekto KKST?

Nia adreso: *s-ro Zhang Jiping, Gong Nong Dalu 16-1, 5678 Chuanhu-tai, CN-130021, Changchun, Ĉinio,* 🖂: *<kokosoto@163.net>, <ccxt@public.cc.jl.cn>.*

## Finnlando

**Eduka semajnfino**

Okazis la Eduka semajnfino de E-Ligo de Finnlandaj Instruistoj (ELFI) laŭplane inter la 26-a kaj 28-a de junio 1998 en Jyväskylä, Finnlando. Partoprenis ĝin 14 instruantoj aŭ interesitoj el 3 landoj. La Hungara instruistino, Kovács Márta pritraktis i.a. la taskojn de la instruisto, diversajn instrumetodojn, lernolibrojn, ekzercotipojn, la instruadon de vortoj, gramatiko kaj prononco. Ŝi ankaŭ aŭskultis la opiniojn de la partoprenantoj kaj lasis ilin interparoli pri siaj spertoj, plani novajn ekzercojn kaj rolludi kiel lernantoj. Krome ŝi disponigis por foliumado plurajn lernolibrojn kaj ties kompletigaĵojn.

Kiel siajn fontojn ŝi aparte menciis la sekvajn: Gvidlibro por supera ekzameno (Pechan), Metodiko de la Esperanto-instruado (Rakuŝa), Teorio kaj praktiko de la lingvo-instruado (Szanser), Metodologio de Esperanto (Szerdahelyi), diversaj numeroj de Internacia Pedagogia Revuo de la 80-aj kaj 90-aj jaroj.

La Edukan semajnfinon subvenciis Finnlandaj Fondumo Esperanto kaj E-Asocio.

*Raita Pyhälä, Prezidanto de ELFI*
*<raita.pyhala@lesti.kpnet.fi>*

## Francio

**Kiel kapti la atenton de la infanoj?**

Relative juna, la iniciatinto kaj organizanto de la festivalo "Enfantaisie" (kunmeto de la francaj vortoj "enfants" / infanoj /, kaj "fantaisie" / fantazio /) iam eklernis Esperanton. Kvankam li preskaŭ ĉion forgesis, li plue simpatias al nia lingvo kaj

ĵus pruvis tion.

De kiam li malkovris la ekziston kaj aktivadon de Esperanto-Vendee, venis al li la ideo inviti ĝin por animi standon kiun li disponigos senpage. La venonta festivalo okazos en La Roche-sur-Yon la 25-an de oktobro. La nombro de vizitantoj kreskas de jaro al jaro kaj atingas 3000 en unu tago. La publiko celata konsistas el infanoj ĝis 12-jaraj. La okazo estas aparte oportuna por komprenigi la intereson de Esperanto ne nur al ili, sed ankaŭ al la akompanantoj, gepatroj kaj instruistoj.

Bonvenaj estos tiurilataj spertoj, mallongaj ludoj, simplaj ideoj facile aplikeblaj por allogi la infanojn (por ke ili "kuntrenu" la gepatrojn !) kaj kapti ilian atenton.

La celo: la vorto Esperanto ligiĝu kaj restu ligita en la menso de la vizitantoj kun ideo de io simpatia, amuza, vivanta, sed ankaŭ nobla, utila, valora, riĉa je eblecoj. *<esperantohm@hol.fr>*

*el NUN*

# Hispanio

**Konciza raporto pri la instruado de Esperanto en Hispanio**

En *Aragono* gvidas kursojn Lorenzo Noguero kaj Antonio Valén.

En *Asturio* gvidas konversacian kurson Faustino Castaño. Partoprenas ĝin ok iamaj membroj de la asocio. En *Ekstremaduro* José González Rodríguez daŭre instruas ne nur en sia urbo Badajoz, sed ankaŭ en la provinco Huelva. En januaro 1998 komenciĝis en Bilbao (*Eŭskio*) nova elementa kurso, gvidata de Injaki Velez. Ĝin partoprenas ok gelernantoj. En *Kanariaj Insuloj* ĉiumarde okazas unuhora radioelsendo per "Onda Interior", pri kaj en Esperanto. En la programo rolas ankaŭ E-kurso. La reago al la kurso estis intensa. La estraro de la radiostacio opinias la ĝisnunan laboron ege kontentiga, kaj oni volas ke, fine de la kurso, oni daŭrigu la elsendojn. Oni eĉ sugestis ke, eventuale, ili povus esti tute en Esperanto. Krome, ESTO (Esperantista Societo de Tenerife) intencas reakiri la Kurson en la Universitato de La Laguna.

La 26-an de januaro komenciĝis baza E-kurso en la sidejo de la *Kantabra* asocio (ACE) kun 9 lernantoj. En BEC (Barcelona E-Centro, *Katalunio*) okazas meza kaj elementa kursoj sub la gvido de M. L. Zamora, kaj supera kurso gvidata de S. Aragay.

Kursoj en *Madrido*: En "Centro Cultural Maestro Alonso" (kvartalo Ventas), kaj en "Centro de Da Puente de Toledo" (Mercedes Arteaga 18).

La 29-an de januaro en *Murcio*, s-ano Jesuo de las Heras komencis novan E-kurson ĉe la Ateneo "Apoyo Mutuo" de Beniajín, urbeto situanta apud la ĉefurbo kun 8 gelernantoj.

En la Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencia (Hispanio), okazis kun granda sukceso kurso de E-o por universitatanoj. Fakte ĝi estas la unua kurso okazinta

en Hispanio kun vera oficiala akademia valoro. Kvankam oni planis ke la aliĝo daŭru dum monato kaj duono, tute neatendite en apenaŭ 4 tagoj aliĝis 50 gestudentoj, spite al tio ke la kurso devis okazi en la Lingva Laboratorio de la Fakultato, kun entute 24 sidlokojn. Finfine oni devis akcepti 60 partoprenantojn, metante aldonajn seĝojn en la klasĉambron. Fakte eĉ sen propagando aliaj 50 interesiĝantoj volis aliĝi, kio tute ne eblis, ĉar ĉiuj grandaj klasĉambroj estis okupataj en tiuj datoj. Do, por la venonta lernojaro de la universitato, ni jam havas liston de homoj kiuj ne povis aliĝi, krom la scio ke tutcerte amaso da gestudentoj aliĝos, por kio oni pretigos pli grandan klasĉambron. La profesoro estis s-ro *Augusto Casquero*, kaj agis kiel oficiala direktoro de la kurso doktorino *Berta Raposo*. En la inaŭguro prelegis profesoro *Antonio Alonso*, eksa Prezidanto de HEF, kaj en la fermo, tute en E-o, prelegis la fama esperantista poeto *Miguel Fernandez*, sub la titolo: "Sur la spuroj de Federico Garcia Lorca".

Fine de la kurso, dum la Oficiala Fermo, la Dekanino de la Fakultato, D-rino *Carmen Morenilla*, disdonis la diplomojn, kaj varme rekomendis al la lernantaro daŭrigi la lernadon de E-o kaj instigis la partoprenintojn ankaŭ doktoriĝi pri E-o en la Fakultato. Samtempe ŝi informis ke laŭ la planoj de la Fakultato, la studado de E-o estos ne nur libere elektebla studobjekto, sed ankaŭ normala studobjekto de la kariero. La semo tuj komencas doni frukton, ĉar jam diversaj hispanaj universitatoj petis informojn, por organizi similajn kursojn.

*Laŭ informoj de Miguel Gutierrez Aduriz*

## Hispanio (Katalunio)

**Konflikta enketo**

Lastatempe oni multon diskutas en *Katalunio* kaj pri la lerneja sistemo kaj pri edukado ĝenerale. Ne nur pri la fakto ke ni troviĝas en periodo de pograda ŝanĝo inter malnova kaj nova edukaj sistemoj, kio multe ĉagrenas gepatrojn, sed pri la publikigo de enketo far la hispana Ministerio pri Edukado laŭ kiu la nivelo de katalunaj lernejanoj estas inter la plej malaltaj en la tuta ŝtato. Tiu enketo ekzamenis ĉirkaŭ 45000 geknabojn inter 14- kaj 16-jarajn pri legokapablo, gramatiko kaj literaturo kaj matematiko. Rilate Katalunion, oficialaj edukaj instancoj sin defendis de la kritikoj dirante ke la enketo ne sufiĉe validas ĉar ĝi ekzamenis nur tre konkretajn objektojn, ne la ĝeneralajn sciojn de la geknaboj. La kataluna prezidento, Jordi Pujol, kulpigis pri la afero jen la luktojn inter tutŝtataj politikaj partioj, jen la malbonan kvaliton de la enketo mem, jen eĉ la gepatrojn de la lernejanoj. Ĉio kun granda ĝojo de la instruistoj, kiujn ĉi-okaze (nekredeble!) neniu kulpigis. En la resto de la ŝtato multaj plendis pro la malalta scio pri hispanaj lingvo kaj literaturo de la katalunaj geknaboj, kiuj ja devige lernas la katalunan, la hispanan kaj kroman fremdan lingvon. Ni aŭdas sufiĉe ofte tiujn jeremiadojn pri supozata neglekto de la

instruado de la hispana en Katalunio. Sed kiel kutime neniu parolis pri la nulaj konoj pri katalunaj lingvo kaj literaturo de la Hispanaj lernejanoj; la enketo tute ne interesiĝis pri la aliaj lingvoj kaj kulturoj en la ŝtato. Ĉar la rezultoj estis ĝenerale pli malbonaj ol tiuj de similaj enketoj faritaj antaŭ kelkaj jaroj, kontraŭuloj de la nova eduka sistemo tuj profitis la okazon por peti profundajn ŝanĝojn en ĝi. Fakte kelkaj opoziciaj (socialistaj) politikistoj opiniis ke la enketon faris nun la (dekstra) registaro precize por misfamigi la novan sistemon, de ili siatempe aprobita, kaj tuj reagis per la argumento ke pli ol du trionoj de la enketitaj lernejanoj fakte ankoraŭ studas laŭ la malnova sistemo. Oni kulpigis la Hispanan registaron pro manko de intereso kaj sufiĉa investo en (precipe) publikaj lernejoj. Tiu ripetis ke ni devas ŝpari monon por bone integriĝi en la ekonomion de la Eŭropa Unio kaj la venontan eŭron. Sed tio ja ne ŝajnas obstaklo por ke tiu sama registaro ĉesu senbombaste investi ŝparendan monon, en du lernojaroj jam 130.000.000 pesetoj (pli ol 1.730.000 guldenoj) por ke 3-jaraj infanoj en 43 lernejoj ricevu eksperimentan dulingvan instruadon hispanan-anglan.

*Pedro M. Martin, Ctra. Estacio 2 A-5-2, ES-17300 Blanes (Katalunio)*

## Hungario

**Pli ol 50 studentoj en Sárospatak**

En la Pedagogia Altlernejo en Sárospatak *(Adreso: Pedagogia Altlernejo Comenius, Eötvös u. 7, HU-3950 Sárospatak, Hungario),* pli ol 50 studentoj lernas E-on kiel ordinara studobjekto!

La gvidanto de la fako, László Molnár la 16-an de aprilo en la ĉefsalono de la Altlernejo organizis "konferencan babiladon" kun la titolo: "Ĉu ekde morgaŭ E-o estos la mondlingvo?" - kiun partoprenis pli ol 50 personoj (instruistoj, profesoroj de la Altlernejo kaj de aliaj urbaj lernejoj, studentoj, interesiĝantoj, krome L. Szilvási kiel reprezentanto de la Budapeŝta E-Domo/Hungara E-Junularo, HEJ).

Dum la konferenco temis pri graveco de la lingvolernado, pri la lingvoinstruado en la Altlernejo, pri la propedeŭtika valoro de la lingvo, pri la postulo de lingva samrajteco, pri la bezono al E-o kaj ties nuntempa reala utiligeblo, pri la E-movado.

La konferencan konversacion fermis biblioteka ekspozicio pri E-libroj kaj gazetoj, viva navigado en la Esperantaj paĝoj en interreto (samtempe per pli ol 10 komputiloj), ĝuado de interaktiva kompakt-disko ESPEROM (kun E-muziko kaj filmetoj). Pri la kunveno faris raporton la regiona televido.

La studentoj de la Altlernejo nun renkontis la unuan fojon "vivantan", ne-instruistan e-iston. Por ke post la ekzamenoj ili restu e-istoj oni devas enigi ilin en la movadon, oni devas inviti ilin al E-aranĝoj por sperti la vivecon kaj avantaĝojn de la lingvo/

movado, oni devas konigi al ili la E-servojn, konigi kaj instigi la aplikadon de Pasporta Servo, ktp. Nun jam dependas de HEJ (kaj de aliaj E-organizoj) ĉu oni sukcesos fondi lokan junularan E-klubon, kaj teni ilin e-isto ankaŭ por estonto. La samo estas la tasko ankaŭ ĉe aliaj E-kursoj - kaj ne nur en Hungario. Kiu prenos la taskon sur sin?

*László Szilvási*

## Irano

En februaro 1998 komenciĝis baza E-kurso en la scienca fakultato de Ferdosi universitato de Mashad. La kurson iniciatis s-ro Moafi, e-isto kaj studento pri matematiko de la sama fakultato, kaj li mem estas ties instruisto. La kurson partoprenas pli ol 30 lernantoj.

*Keyhan Sayadpour, Mashad*

## Italio

**Kvin magistraj disertacioj pri Esperanto en la Universitato de Torino**

En 1997 kaj 1998 en la Universitato de Torino (Italio) estis diskutitaj la kvin subaj magistraj disertacioj pri E-o, kies kunreferanto estis Prof. Fabrizio Pennacchietti.

1. En la Beletra kaj Filozofia Fakultato, f-ino **Paola Dalla Casa** prezentis disertacion (177 paĝoj) pri "*La propedeŭtika funkcio de Esperanto en fremdlingvaj kursoj: eksperimento farita en elementlernejo de Torino en la lernojaroj 1993-94, 94-95, 95-96*". La kandidatino prezentas la programojn de la itala publik-eduka ministerio pri instruado de fremda lingvo en element-lernejoj, priskribas la ecojn de E-o kaj la jam okazintajn propedeŭtikajn eksperimentojn, kaj klarigas la metodojn kaj rezultojn de testado de ŝi farita ĉe la element-lernejo "Salvemini", kie okazis ministerie aprobita eksperimento. Ŝia testado pruvas, kompare al rezultoj de kontrolklasoj, ke frua lernado de E-o plifaciligas la lernadon de fremda lingvo (la angla ĉi-kaze).

2. En la sama Fakultato, f-ino **Fiammetta Corradazzi** verkis disertacion (194 paĝoj) pri "*Eŭropo de internaciismoj kaj de supernacia komunikado: komparo inter la angla kaj Esperanto*". Temas pri verko esence kompila, sen originalaj kontribuoj, pri la eŭropa plurlingveco, eŭropaj lingvopolitiko kaj *internaciismoj* (oni distingas inter *eŭropismo, okcidentismo, globismo*). Sekvas komparo inter la angla lingvo kaj Esperanto, du lingvoj, kiujn la verkintino rigardas la solaj kandidatoj por supernacia Eŭropa lingvo.

3. En la Pedagogia Fakultato, **Bruno Rinoldi** prezentis disertacion (138 paĝoj) pri "*Analizo de la organizada kulturo de UEA*". La disertacio priskribas la organizadan kulturon de la Asocio kaj de ĝiaj instancoj, la realaĵon kiel rezulto de simboliga procezo, la ĝisnunajn esplorojn pri la E-Movado, ktp.

4. En la Politikscienca Fakultato, **Federico Miatto** prezentis disertacion (185 paĝoj) pri "*Politikaj aspektoj de la lingva problemo je loka, nacia kaj supernacia dimensioj*". La kandidato komparas la lingvopolitikojn de naciaj kaj federaciaj ŝtatoj. Sekvas pritrakto pri politika federalismo kaj lingva federalismo perspektive de estonta Eŭropa federacio. La dilemo: lingva imperiismo aŭ racia elekto? Sekvas intervjuoj. Esperanto kiel la plej taŭga solvo.

5. Ĉe la Beletra Fakultato (fako scienco de la komunikado) **Federico Gobbo** tre brile diplomiĝis per disertacio pri "*La dilemo de Esperanto inter helpfunkcio kaj civitaniĝo*". La disertacio konsistas el tri partoj: *Esperanto komunikata, Esperanto komunikanta, Esperanto komunikebla*. La pli ol 400 paĝa disertacio estis longe diskutita antaŭ la juĝanta profesoraro kaj meritis la plej altajn eblajn poentojn (ege malofte donataj en la italaj universitatoj), nome 110/110 kun laŭdo, honora mencio kaj deklaro de indo de publikigo.

Prof. Pennacchietti jam de kelkaj jaroj gvidas en la Torina Universitato kursojn pri interlingvistiko kaj E-o: la nombro da lernantoj ĉiujare estas inter 60 kaj 100.

*Laŭ informoj de Giancarlo Fighiera*

## Japanio

**Koresponda Kurso por Progresantoj**

Ekde januaro funkcias Koresponda Kurso de Esperanto por Progresantoj (por japanlingvanoj), fare de Esperanto-Societo en Numazu.

Ĝi havas 16 lecionojn kun meznombre 20 paĝoj da lernofolioj, kun 7 sonbendokasedoj, kaj kun unikaj ekzerc-metodoj. Diktado, frazfarado, voĉlegado kaj verkado de eseoj salte progresigas la lingvan nivelon de la kursanoj. Jam iuj nomas tiun ĉi instru-sistemon "Nu-metodo". Do, en Japanio, jam neniu e-isto rajtas nomi sin "eterna komencanto". La kurso ŝanĝos komencant/int/on en progresINTon.

Ĝis junio aliĝis al la kurso pli ol 90 progresantoj.

Cetere, ĉe ni funkcias Enkonduka Koresponda Kurso jam 10 jarojn. Aliĝis al ĝi entute 319 personoj, kaj el ili pli ol triono finis la tutan lecionaron de la Kurso. La

Kurso konsistas el 320 pagoj da teksto kaj kvar 60-minutaj sonbend-kasedoj. El la riĉa sperto fruktis du lernolibroj de Esperanto por japanlingvanoj:

*Elementa Gramatiko de Esperanto, 1993, Japana E-Instituto*
*Elementa Lernolibro de Esperanto, 1886, Japana E-Instituto*

*HUZIMAKI Ken'iti*
*E-Societo en Numazu, Okaisiki 501, Numazu 410-0012, Japanio, tel/fakso +81 559 22 3783, retpoŝto: <HPJ24795@biglobe.ne.jp>*

# Jugoslavio

## Ekzamenoj A kaj B en Serbio

Fine de majo 1998 en Zaječar (orienta Serbio) okazis ekzamenoj A (15 ekzamenitoj) kaj B (6 ekzamenitoj). La plej bonan sukceson en ambaŭ ekzamenoj atingis la plej juna partoprenanto Zoran Bojinoviĉ, lernanto de la sesa klaso de baza lernejo. La ekzamenoj okazis post kelkmonataj kursoj gvidataj de Branko Miloŝeviĉ kunlabore kun Boriŝa Miliĉeviĉ kaj Radojica Petroviĉ el E-Instituto Beograd, kiuj ĉiun duan semajnofinon alterne vizitadis Zaječaron por prelegi en la kurso B. La ekzamenoj kaj la fina solenaĵo estis la plej bela maniero festi la Tagon de E-societo Zaječar kaj ĝian 42-jariĝon la unuan de junio. La lokaj televido, radio kaj gazeto dediĉis indan atenton al la okazaĵo emfazante ĝian signifon, pri kio informis ankaŭ la Unua Kanalo de la Belgrada Televido de Serbio, en la programo *Serbio hodiaŭ*. La prezidantino de la societo Resavka Milijiĉ Beba, la sekretario Obrad Stojanoviĉ kaj la kunfondinto de la societo kaj eterna aktivulo Vojo Kostiĉ entreprenis ĉion necesan por fari la du tagojn neforgeseblaj.

En Leskovac (sudorienta Serbio) la dekjara datreveno de la refondiĝo de la societo estis solenita per sukcesa fino de E-kurso. La 15-an de majo la A-ekzamenon pasis 9 gekursanoj.

En la tradiciaj Verdaj Amikaj Tagoj en Senta (norda Serbio Vojvodino), ĉi-jare de la 12-a ĝis la 15-a de junio, B-ekzamenon pasis 3 kandidatoj (du el Senta, unu el Hungario) kaj A-ekzamenon 2 (unu el Jugoslavio kaj unu el Hungario). Apartan etoson ĉi-jare donis ekspozicio kaj prelego omaĝe al Tibor Sekelj kaj prezento de kvin novaj E-libroj de serbaj esperantistoj.

En julio B-ekzamenon pasis deko da membroj de Fervojista E-Societo en Beograd.

*Radojica Petrovic, <radp@emi.yu>*

## Koreio

Dum sia vojaĝo tra Koreio Harald Schicke vizitis E-kursojn en Dangu Universitato en Chonan kaj Seulo. En tiuj universitatoj la E-kursoj estas oficialaj. La studentoj ricevas poentojn, same kiel por aliaj fakoj. La intereso de la studentoj estas grandega, ĉar ili rimarkas multe pli rapidan progreson ol en aliaj lingvoj.

En Chonan funkcias du kursoj: unu kun pli ol 200 (!) studentoj, la alia kun pli ol 100. En Seulo proksimume 50 sekvas la instruadon. Gvidas tre lerte - pagate de la universitato - s-ro Lee, la estro de Kultura E-Centro (KEC) en Seulo. La studentoj estis tre viglaj kaj kuraĝe demandis en E-o.

Ankaŭ en KEC mem okazas kursoj multe vizitataj. KEC havas propran apartamenton, same kiel Korea E-Asocio, meze de Seulo.

*Laŭ Harald Schicke, <info@mz-verlag.de>, Püttjerberg 17, DE-27383 Hetzwege. Tel.: 04263/94087, Fakso: 04263/94088*

## Kroatio

**SIA kaj Infana ago tago**

Ankaŭ ĉi-jare, plej etaj E-lernantoj el zagrebaj bazlernejoj kiuj lernas E-on laŭ "Ludu kun ni" dum la Semajno de Internacia Amikeco festis Infanan ago-tagon, merkredon la 18-an kaj vendredon la 20-an de februaro. Ili invitis al la kurso siajn amikojn por kunkanti ""Sur la tero,...". Krome, ili skribis leterojn ornamitajn per fotoj de Zagrebo al eksterlandaj infanaj E-grupoj invitante ilin al la kunlaboro.

*prof. Ivan Bekavac-Basiĉ*

**En la zagreba foiro** en aprilo, okazis sep printempaj foiroj. Unu inter ili estis la 2-a Internacia Infanfoiro ĉe kiu aperis E-o. Kroata Esperantista Unuiĝo prezentis internacian ekspozicion de popolkostumoj el dudeko da landoj kiujn plej parte desegnis junaj E-istoj. Krome estis prezentataj E-eldonaĵoj por infanoj. Apartan atenton de la vizitantoj kaptis la kompleto "Tendaraj Tagoj", nova koresponda kurso "Urso-kurso", "MAZI", "Mil unuaj vortoj", "La eta princo" kaj Infanbiblio. Dum la foiraj tagoj, KEU ĉe sia budo organizis infandesegnejon. Estis kolektitaj tricento da diverstemaj desegnaĵoj: "Amikoj en la tuta mondo" (por TEJO konkurso), "Mia patrolando", "Popolkostumo", "Naturo". Krome oni organizis etan E-kurson kaj vaste informis pri E-o.

Sur la scenejo kie dum la foiraj tagoj estis tre gaje: prezentis tie pluraj infanaj muzik- kaj dancgrupoj, sian horon havis ankaŭ plej junaj e-istoj el la zagrebaj bazlernejoj. Ili prezentis Kroatlingve du skeĉojn de Stefan MacGill "Vazoj" kaj "Oficeja ĝangalo", deklamis proprajn poemojn kaj kantis en E-o.

*Marija Beloŝeviĉ*

*Edmund GRIMLEY EVANS*

# Komputila instruado kaj lernado de lingvoj (KILL)

*(materialo el Interreto)*

Temas pri komputilaj programoj speciale faritaj por instruado kaj lernado de lingvoj, do ne pri kursoj, en kiuj la komputilo estas nur komunikilo, kiel ĉe la diversaj E-kursoj en la reto.
(La mallongigo KILL ne estas tre alloga, do oni pripensu aliajn proponojn.*)

• Ilona KOUTNY (antaŭe Hungario, nun Pollando) <IKoutny@hum.amu.edu .pl> laboris profesie pri la instruprogrampakaĵo PAROLERN, kiu uzas la parolsintezan sistemon ESPAROL kadre de la sistemo MULTIVOX.

• Wouter PILGER faris la programon "MIKSU" (1994) por MS/DOS, kiu diversmaniere ekzercas pri vorto-trezoro. Ekzistas pretaj esprimolistoj pri E-aj vortoj, kun anglaj aŭ nederlandaj tradukoj, kaj pri E-aj proverboj. Oni povas preni kopion de: ftp://ftp.stack.nl/pub/esperanto/software.dir/miksu.zip, sed Wouter PILGER eble metis pli novan varion en la bulteno *Saluton*!.

• Ottmár JÁREB <jareb@t-online.de> (Blücherstr. 42, DE-71116 Gärtringen - laŭ anonceto en la revuo "Esperanto", 1993:11) okupiĝis pri diverslingvaj komputilaj inform- kaj lerno-programoj pri E-o. En 1995 aperis lia programo "Informationsprogramm mit Vokabel- und Konversationstrainer (germane)" por MS/DOS. Iu programo de li havas la nomon "PC-Esperanto".

• Reinhard PFLÜGER (Hermannstrasse 3, DE-60318 Frankfurt, Germanio) faris programojn por lerni E-on por Amiga, Atari kaj MS/DOS, en la angla, germana kaj portugala lingvoj. La programoj por Amiga uzas la voĉsintezilon de tiu komputilo.

• Mike URBAN faris lernprogramon por Macintosh kun HyperCard kaj MacinTalk en la angla. Ekzistas ankaŭ franca, nederlanda kaj sveda variantoj.

• Axel BELINFANTE havas TTT-varion de la instruprogramo de Mike URBAN: http://wwwtios.cs.utwente.nl/esperanto/hypercourse/index.html.

• Por svedoj ekzistas interreta kurso pri E-o ĉe la adreso http://www.esperanto .se/ retkurso. Ĝi estas bazita sur sesleciona koresponda kurso de Ingemar Nordin. La HTML-igon faris Franko Luin en 1996. La kurso postulas Netscape2 kaj instalon de speciale kodita tiparo. (Pro samtempa uzado de la sveda kaj Esperanto Latin-3 ne estas uzebla).

• Kaj estas 17-leciona suomlingva E-kurso en TTT ĉe http://www.centcon .com/ ~marko/esperanto/kurssi/.

• Ekzistas anglalingva programo de Todd Moody (Usono) por MS/DOS. Ĝi prezentas laŭvice ĉiun unuekranan lecionon, kiu konsistas el nacilingva priskribo de gramatikero, kaj ekzercas ĝin per tradukekzerco. Entute estas ĉ. 60 lecionoj, kiuj kovras la bazan gramatikon. Programita en Paskalo. Publikaĵo (liberdistribua) akirebla ĉe: Antonio MARTINS <bacano@cc.fc.ul.pt>

• Anĉjo kaj ZeNuno reprogramis la programon de Todd Moody kaj apartigis la nacilingvajn partojn de la ĉefprogramo. Sama pedagogia funkciado, eblas tamen adapti ĝin al aliaj lingvoj. Komence, en 1991, ekdistribuiĝis la programo mem kune kun la originala anglalingva lecionaro plus portugallingva lecionaro. Ĝis nun aperis ankaŭ german- kaj hispan-lingva varioj, kaj baldaŭ estos novaj eldonoj de la aliaj kaj de la programo mem, dum oni plu atendas eldonojn por la eŭska, ĉina, kabverda kaj nederlanda lingvoj. Programita en Paskalo. Publikaĵo (liberdistribua) kun libervola pago de 1 USD rajtiga al ricevo de korektoj kaj novaj eldonoj. Akirebla ĉe: Antonio MARTINS <bacano@cc.fc .ul.pt>

• Ĉirkaŭe en 1993 Adonis Marcelo Saliba Silva <adonis@net.ipen.br> kreis komputilan kurson pri E-o, kiu enhavas 12 lecionojn en la portugala kun respondaj ekzercoj, vortarludan ekzercon, kaj diversajn informojn pri E-o kaj la brazila movado. Roberto Rezende kreis aron da informoj kaj ludoj kun la nomo "Esp-Info", inkluzivante tiun kurson. Por MS/DOS.

• Portugala Esperanto Asocio, Rua Dr. Joa~o Couto 6 r/c A, PT-1500 Lisboa, tel. (01)7141359 produktis programon, eble la saman jam menciitan supre.

• Ĉirkaŭe en 1995 la brita sekcio de ILEI faris kun Libra Multimedia Limited bazan E-kurson "Ni vojaĝu!" sur KD por Macintosh aŭ MS/DOS.

• Detlef Meier, Hauffstr. 15, DE-63071 Offenbach, Tel. +49-69/845254, faris simplan komputilan programon, sed nur provizorajon.

• Olga L. Meneses, Apdo #6, C.P., Prov. Habana, CU-32900 Santa Cruz del Norte, gvidas lernejan grupon, kiu produktis kelkajn lernprogramojn por infanoj.

• Ekzistis instruprogramo farita de brito por Spectrum aŭ similepoka komputileto. Reklamojn oni povas trovi en malnovaj numeroj de "La Brita Esperantisto".

Bonvole sendu korektojn kaj aldonojn al:

*Edmund GRIMLEY EVANS <etg10@cam.ac.uk>*

**Aliaj proponoj anstataŭ KILL:*

1. KLIL (Komputila Lernado kaj Instruado de Lingvoj) 2. SILK (Sistemo de Instruado de Lingvoj per Komputilo) 3. ILLinK(o) (Instruado k Lernado de Lingvoj per Komputilo) 4. LILK (Lernado k Instruado de Lingvoj per Komputilo) 5. PILLKo (Programo por Instruado k Lernado de Lingvoj Komputile)

POR VIA NOTLIBRO

## ĈU IU PRODUKTAS KOMPUTILAN E-KURSON?

En la komputila gazetaro regule aperas informoj pri perkomputilaj tradukiloj (interretaj aŭ instalotaj sur persona komputilo). Krome, estas grandiĝanta oferto de lingvokursoj sur CD-ROM, ekzemple LanguageNow (www.transparent.com); Berlitz; French, German, Italian for Everyone (www.learningco.com). Tiuj programoj estas malmultekostaj (30-100 USD) kaj ekzistas por minimume deko la lingvoj.
La plej avangarda lernilo por Esperanto, laŭ mia scio, estas Mazi, tamen nur taŭga por limigita celgrupo. Ĉu ie iu estas produktanta E-version de komputila kurso? *[vidu la artikolon de Edmund Grimley Evans supre – NdlR]*

*Roland Rotsaert, Visspaanstraat 97, BE-8000 Brugge*

## INTERNACIA POENTKOLEKTA E-KONKURSO

***honore al István Szerdahelyi***

Ĝin organizas ILEI-Komisiono pri Konkursoj kiu havas post si ok-jaran sperton. De oktobro ĝis aprilo po unu taskofolieto monate kun 7-8 demandoj. Se vi volas amuziĝi, ludi kaj kontroli vian lingvoscion, ne preterlasu la okazon. Detalojn vi trovas en la regularo.
Petu ĝin rekte de la ĉeforganizanto, *Géza Kurucz, Hitel u. 10. Fszt. 16, HU-6000 Kecskemét, Hungario.*

# REGULARO

## DE INTERNACIA POENTOKOLEKTA KONKURSO
## honore al István Szerdahelyi
## LERNOJARO 1998/99

1. La konkurso ekestis en 1990 por **lernejanoj** ĝis la aĝo de 19 jaroj, sed poste, en 1994 ĝi malfermis siajn pordojn antaŭ ĉiuj plenaĝaj konkursemaj esperantistoj.

2. La konkurso havas **du kategoriojn**. En la unuan eniras **komencantoj**, t.e. personoj kiuj studas Esperanton malpli ol du jarojn, la duan formas ĉiuj ceteraj. Ni nomas ilin **progresintoj**. En ambaŭ kategorioj ekzistas po tri grupoj, malgraŭ ke ili solvas tiujn samajn taskojn, nome: apartan grupon formas la geknaboj ĝis 14 jaraj (bazlernejanoj), kaj tiuj, kiuj jam estas super tiu aĝolimo sed ne havas ankoraŭ 19 jarojn (mezlernejanoj). Pli ol 19-jaraj formas la trian grupon (plenaĝuloj). Taskofolioj por unuopaj kategorioj povas parte koincidi.

3. La konkursojaro **daŭras de septembro** ĝis **junio** (lernojaro en la norda hemi-sfero). En la daŭro de la lernojaro **ĉiumonate** aperas taskofolietoj por ambaŭ kategorioj (po 7 entute). La unua kaj dua estas senditaj al tiu lernejo aŭ individuo, kiu ĝin petas letere kaj ĉe-metas poŝtmarko(j)n (en Hungario) aŭ internacian respondkuponon por afranki la sendotaĵon. La taskofolioj ĉiam aperas ankaŭ en la revuo *Eventoj*, la unua komence de aŭgusto. De nun la taskoj estas atingeblaj ankaŭ interrete en la hejmpaĝo:
http://server.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto/ (Pliaj informoj troviĝas tie.)

4. Ĉiu taskofolieto konsistas el 7 ĝis 9 simplaj taskoj, per kies senerarаj solvoj oni ĉiufoje *povas akiri 20 poentojn*. La solvoj estu skribitaj per plumo aŭ tajpitaj en Esperanto sur simpla blanka paperfolio en la formato de *duona tajpofolio (A/5)*. Sendu ilin al la adreso donita malsupre sur la taskofolieto mem (redaktinto de la koncerna taskofolieto). Se la korektonto havas retadreson, oni povas sendi la solvojn ankaŭ retpoŝte (tiukaze la taskofolio surhavas lian/ŝian retadreson).

5. En la unuaj du grupoj partoprenas lernantoj. Ĉe ili almenaŭ sur la unua solvofolio (oktobro) la E-instruist(in)o atestas per propramana subskribo kaj la

stampo de la lernejo, ke la konkursanto estas lernejano. Ĉiu solvofolio ĉiam surhavu la **legeblan kompletan nomon** de la konkursanto, la kategorion (**K**=komencanto, **P**=progresinto) kaj la grupon (**B**=bazlernejano, **M**=mezlernejano, **Pa**=plenaĝulo), ekz. K/Pa: plenaĝa komencanto. Por konkursantoj el lernejoj sen E-instruisto *la unuan fojon* estas bezonataj lerneja stampo kaj la subskribo de la klasestr(in)o.

6. En lernejoj kun E-instruado la instruist(in)o kolektas ĉiujn solvofoliojn kaj sendas ilin en komuna koverto **ĝis la indikita limdato**. Solulo mem zorgas pri la ekspedado. Por ricevi la korektita(j)n solvo(j)n kaj por ricevi la postsekva(j)n taskofolio(j)n la konkursanto aŭ la instruist(in)o sendas kune kun la solvoj poŝtmarkon aŭ internacian respond-kuponon por afranki la respondon. (Konkursantoj de ekssocialismaj landoj povas kovri la poŝtkostojn laŭ **anticipa interkonsento**!) Kun la korektitaj solvofolioj ĉe-mete ĉiam troviĝas la ĝusta solvo de la antaŭa taskaro kaj kompleta listo kun la aktuala stato de la konkurso. La nomoj de la plej sukcesaj solvintoj jarfine aperas en la revuo *Eventoj* kaj pri la aktuala stato regule informas *Radio Vieno* kaj *Radio Varsovio* en Esperanto.

7. Post la lasta numero la gajnintoj estos **premiitaj**.

*ILEI-Komisiono pri Lernejaj Konkursoj*
*Géza KURUCZ, Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario*
Retadreso: <junaamiko@esperanto.nu>

## 9-a jaro, n-ro 2 KOMENCANTOJ Limdato: 9. XI. 1998

❶ En somero okazis Futbala Mondĉampioneco. Kie? Kioma ĝi estis? Kiu venkis? *(3 poentoj)*

❷ Formu almenaŭ ses sencohavajn vortojn per la kliŝo: *sen...ulo. (Josef Mendl)* *(3 poentoj)*

❸ Kolektu la nomon de almenaŭ ses surteraj veturiloj. *(Gregorio Juhász)* *(3 poentoj)*

❹ Finu la proverbon: "*La sano ne estas ĉio, sed sen sano ...*" *(Emeriko Molnár)* *(2 poentoj)*

❺ Ŝanĝu unu literon por trovi esploriston: *kolombo > .... . (Edith M Sheldrick)* *(1 poento)*

❻ Kompletigu la frazon: *Pli bon... malfru... ... neniam. (Emilie Coudray)* *(3 poentoj)*

❼ Vi ricevis inviton al koncerto. Kion vi diras responde? *(3 poentoj)*

❽ Kiu sono (!) iras perpiede? *(Ester Olsen)* *(2 poentoj)*

**9-a jaro, n-ro 2 PROGRESINTOJ Limdato: 9. XI. 1998**

❶ Kiam, kie okazis la unua Mondĉampioneco de Futbalo? Kiu akiris la Pokalon? *(3 poentoj)*

❷ Kompletigu la proverbon: "*..., mi havis nur oston – ..., mi pagis la koston.*" *(s-ino Gujás)* *(3 poentoj)*

❸ Skribu almenaŭ ses substantivojn, kiuj finiĝas per *-turo*, tamen ili ne estas altaj konstruaĵoj. *(Magdalena Juhász)* *(3 poentoj)*

❹ Menciu du aferojn, kiuj kunigas la tri ĉefurbojn: Vieno, Pekino, Varsovio. *(Silvia Hämäläinen)* *(3 poentoj)*

❺ Per ekzemploj demonstru la diferencon inter *sola* kaj *sole*. *(Johano Sárközi)* *(2 poentoj)*

❻ Vi vojaĝos al Berlino. Aĉetante bileton kion vi diras al la giĉetisto? *(3 poentoj)*

❼ Kiu estas la plej malnova E-gazeto aperanta ĝis hodiaŭ? Kiu ĝin fondis? *(Jindřich Tomíšek)* *(3 poentoj)*

La solvofoliojn sendu al: *s-ino Elizabeta Kurucz, Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario*

Retadreso: <junaamiko@esperanto.nu>

*Komputila lud-programo*

## BILLY BORANTO

Jen aventurema knabeto, kiu diligente kuras tien reen, supren, suben, saltas, falas aŭ lifte leviĝas sur komputila ekrano. Sed ne li havas propran vivon; ludanto regas kaj direktas lin. Komence, jen li en ĝangalo, inter fruktoj, kaj falantaj trezor-kestegoj. Billy devas iri tra labirinto, eviti la fruktojn, kolekti premiojn kaj profiti trezoraĵojn. Jen la plej nova komputila ludo, lanĉita en dudeko da lingvoj, nun kun sono kaj tekstoj ankaŭ en Esperanto. Ĝi havas demonstran kaj plenan versiojn. Iom da detaloj:



- Ne-perforta, infan-amika lud-ideo; du niveloj da facileco, tiel ke infanoj ekde 5-jaraj povas sukcesi, tamen pli lertaj ankoraŭ lukti.
- Sur kompakta disko (KD-ROM), kun alt-kvalitaj 16-bitaj son-efektoj, kaj variaj, amuzaj, kelkfoje eĉ proverbecaj eldiroj de Billy.
- Detala grafiko (800 x 600 punktoj) por alt-kvalitaj scenoj kaj figuroj.
- Regebla per klavaro aŭ ĝoj-stango.
- Helpo-tekstoj kaj elmontra programo en Esperanto.
- Pli ol 150 malsamaj ekranoj en kvin fantazi-mondoj (ĝangalo, konstru-tereno, egipta, submara...) (La demonstra disko prezentas nur la unuan, ĝangalan, mondon.)
- Amaso da kaŝitaj frandaĵoj kaj specialaj objektoj, kiuj dumtempe donas al Billy magiajn aŭ ekstrajn povojn.

Minimumaj postuloj: IBM PC kun DOS/Windows aŭ OS/2; 486DX2/66 MHz, 8MB da RAM, 5 MB da diskospaco, KD-ROM legilo, 800x600 SVGA grafika karto, Son-karto. La ludo mem estas DOS-bazita kaj plej glate ekfunkcias se vokata el DOS aŭ DOS-fenestro.

Laŭ ekskluziva kunlaboro inter la dana eldoninto kaj ILEI, ni distribuas la demonstran diskon senpage al tiuj legantoj de Juna amiko ĉe kiuj la afrankaj limoj permesas tion. La dosiero "Legumin" donas instal-klarigojn. La demo-disko havas kelkajn tekstojn (i.a. de ILEI), dosierojn por permesi al vi skribi en Windows per Esperantaj literoj (donaco de *Eventoj*) kaj kantojn aldone al la ludo mem.
Se vi ne ricevis demo-diskon, vizitu la hejmpaĝon de Billy: http://ttt. esperanto.dk/ billy/ kie vi povas provi la ludon senpage.

## *Kion oni opiniis pri la ludo?*

- "amuza, defia, bonegaj grafikaĵoj, tre altkvalita kompare kun aliaj similspecaj ludoj." (*Tejo Tutmonde*)
- "tre rimarkinda" (*Esperanto en Danio*)
- "post du semajnoj da intensa ludado, mi povas nur rekomendi ĝin al aliaj (ankaŭ neesperantistoj)". (*Koncize*)



La plenan version de la ludo vendas UEA kaj FEL je ĉ. 40-50 DEM.

*Nova eldonaĵo de la Ligo:*

## ILEI KUNLABORAS KUN KONATA VIDBENDA KURSO

Dum la 83a UK mult-foje prezentiĝis la nova vidbenda kurso *Pasporto al la Tuta Mondo*, verkita de Paŭlo Gubbins (Britio) surbaze de teksto de Edwin




Grobe (Usono) kaj registrita en Kalifornio kun internacia kolekto da aktoroj. Jam aĉeteblaj (ĉe ELNA, UEA kaj aliloke) estas du bendoj kun suma daŭro de du horoj, prezentantaj kvar lecionojn. Lecionoj kvin ĝis dek estis registritaj en julio 1998, kaj estos akireblaj tuj kiam la bendo-redaktado estos financita.

La kurso estas por lernantoj de ajna aĝo; en la bendo oni parolas nur Esperanton. Ĝi ekiras de la nula punkto, kvankam la prezento de la materialo okazas iom pli dense ol en *Mazi*. La akuzativon oni tamen renkontas sisteme nur ekde la kvara leciono. La lecionoj prezentas situaci-komediajn scenojn, interpiprumitaj per hokoj por instru-temoj kaj finiĝas per konciza gramatika resumo.

La kurso uzas vivajn aktorojn, kiuj prezentas la familion Bonvolo (greka filozofo kaj dancistino la gepatroj, atleto, skulptistino kaj juĝistino la gefiloj – ĉiuj en kostumoj konformaj al la metioj.). Ekster la familio, venas ŝafista gasto el Nov-Zelando, vendejestrino kun problemoj, kaj ne tro subtila detektivo — kie estas polico, devas esti krimo, aŭ la supozo de krimo, nu... informiĝu mem!
En kio konsistas la kunlaboro de ILEI? La bendoj aperis kune kun presita scenara teksto, kun resumoj de la gramatiko. Sed necesis (aŭ dezirindis) krome ekzercoj, per kiuj lernantoj iom pli sisteme testu kaj provu siajn sciojn. Vidbendo laŭ sia naturo malfacile prezentas la kompletan lingvon, la profundigon kaj kompletigon devas liveri ekzercoj. La bendon uzos soluloj kaj grupanoj kun gvidanto; la ekzercoj provas kontentigi la bezonojn de ambaŭ kategorioj.
Lanĉita tuj antaŭ la UK estas 72-paĝa grand-formata apoga ekzerco-kajero sub la titolo *Ekzercoj al la Tuta Pasporto*, verkita kaj enpaĝigita de Stefan MacGill, la komisiito de ILEI pri eldonado, kune kun bildoj de Gejl Lucas. Fine de la ekzercoj aperas konsiloj al gvidantoj, respondoj al la ekzercoj, laŭlecionaj kaj alfabetaj vort-listoj, laŭleciona tabelo de gramatiko, bazaj strukturoj, komunikaj taskoj kaj benda resumo.
Malfrue en la preparoj, la mendinto kaj eldononto de la ekzercoj, ELNA, proponis, ke ILEI kun-eldonu, sen anticipa devigo pri financa engaĝiĝo. Sekve, la verka kaj pretiga kontribuo de la Ligo formale speguliĝas. ELNA serĉas de ILEI unuavice diskonigan apogon ekster Ameriko.
ILEI supozeble akiros stoketon de la ekzercoj por vendado al siaj membroj, en formato A4, en ne-bindita kaj bindita versioj. ELNA atendeble vendos stokojn laŭ la usona paper-formato. Cetere, la vidbendoj estas mendeblaj en du formatoj: PAL kaj NTSC.
*Ni prezentos specimenan ekzercon en posta numero de IPR.*

## RET-INFO

La 1-an de julio estis dissendita la 500-a mesaĝo pere de la retpoŝta Esperanto novaĵservo "RET-INFO". Ĝi signifas averaĝe 2.7 mesaĝojn tage (aŭ 4 mesaĝojn labortage). (Per "ret-info" distribuiĝas nur!!! movad-rilataj informoj!)

Estas novaĵo, ke ekde nun pere de ret-info estas distribuata ankaŭ la retpoŝta versio de "La Merkato", revuo de IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomikista Fakgrupo).

Pere de ret-info estas distribuataj ankaŭ la gazetaraj komunikoj de UEA, kaj movadrilataj informoj el "interredaktore", NUN, SCE kaj aliaj retaj forumoj.




Inter la aliĝintoj 69.6 % elektis la kategorion TUT = ĉiuj mesaĝoj, kaj ĝis nun 2 homoj malabonis la servon pro neplua interesiĝo.

Lastatempe - danke al Zonker Harris - ekfunkciis aparta retadreso <ret-info@esperanto.org> kiu plifaciligas la apartigon de nia reta korespondado. Do estonte ankaŭ vi povas uzi tiun adreson lige al ĉiuj aferoj, rilatantaj al la servo.

"Ju pli da legantoj, des pli da utilo!" - do ni petas vian helpon diskonigi la ekziston de la servo. (Detalajn informojn vi trovas ĉe: http://www.hungary.net/ esperanto/ ret-vent.htm aŭ ni sendas ĝin laŭpete retpoŝte al vi).

La aliĝo ne ligiĝas al kalendara jaro, iam ajn oni povas aliĝi por la sekva 12-monata periodo. (A-landanoj: 45 NLG, ĉiuj aliaj: 25 NLG pere de UEA aŭ landaj kotizperantoj de Eventoj). Dankojn al pluraj aktivuloj, kiuj donacis aliĝon al siaj amikoj!

Viaj komentoj, konsiloj pri plibonigo de RET-INFO ĉiam estas bonvenaj.

*László Szilvási*
*<ret-info@esperanto.org>*

## Internacia Esperanto Instituto en Hago havas retadreson:

<iei001@worldonline.nl>

Pere de ĉi tiu rimedo la interŝanĝo de informoj estos pli flua kaj facila.

*Informis: Atilio Orellana Rojas*

## VIZITU TTT-PAĜOJN KAJ INFORMIĜU PRI LA AGADO DE ILEI!

Juna amiko, konkursoj: http://server.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto/
Trilingva teksto pri la Kolokvo en Montpellier: http://www.esperanto.net/ilei/
Diversgradaj lernejaj kursoj: http://www.uniroma3.it/LPS/esp/eler
Tendaraj Tagoj: http:/www.hungary.net/esperanto/tend-tag.htm

Ni volonte diskonigos informojn pri la TTT-paĝoj de la sekcioj.
Bonvenas ret- kaj TTT-adresoj de aliaj servoj al E-instruantoj kaj lernantoj.
La informojn sendu al la sekretario de ILEI (*adreso kovrilpaĝe*).

## INTERNACIA KONKURSO PRI MODELA E-PAROLO

ILEI-Komisiono pri lernejaj konkursoj organizis la 6-an Internacian Konkurson pri modela Esperanta parolo honore al "Ivo Lapenna" ĉi jare por la lernejanoj de 11 ĝis 15 jaroj.
Celo de la Konkurso estas turni atenton al bela, modela, por ĉiu klara kaj komprenebla parolo en Esperanto.
Por la ĉi-jara konkurso siajn konkursaĵojn surbendigitajn sendis junaj E-istoj el Aŭstralio, Britio, Hungario kaj Kroatio.
La 1-an lokon okupis Petra Smidéliusz el Hungario, la 2-an Melissa Tellier el Britio kaj la 3-an Martina Ŝkrapec el Kroatio.
Dum la venonta lernojaro ILEI organizos Konkurson por E-lernantoj en la aĝo de 15-18 j. Pliajn informojn instruistoj petu ĉe:
*Prof. Ivan Bekavac-Basiĉ, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb, Kroatio.*

## ✟ Ni kondolencas ✟

La 29-an de majo, en la aĝo 93-jara forpasis **S-ino Idyss Einhovici**, honora membro de ILEI. Ni ege malĝojas pro ŝia forpaso. Tio estas granda perdo por nia E-afero.
S-ino Idyss Einihovici dediĉis sian tutan vivon al plivastigo kaj popularigo de Esperanto. Ŝi fervore disvastigis instruadon de E-o en Aŭstralio, monhelpis siajn samideanojn instrui E-on en lernejoj, monhelpis junajn esperantistojn partopreni en UK en alia lando, kaj aktive proponis al aŭstralia ministro pri edukado starigon de esperanta leciono en diversnivelaj lernejoj. Ŝi persiste kaj senŝanceliĝe klopodis por nomi iun straton de la aŭstralia urbo, Perth per la nomo de Esperanto aŭ de ĝia iniciatinto, Zamenhof. Dum ĉiutaga promenado en la parko ŝi disdonis multegajn flugfoliojn por ke Esperanto estu vaste konata kaj profunde penetrata en korojn de homoj.
Ŝi estas nia modelo kaj ĉiam vivas en nia koro. Ni transprenu ŝian stafetbastoneton, plenforte kuru antaŭen, por heredi kaj disvolvi ŝian nefiniĝintan aferon! [*pliajn detalojn kaj foton pri ŝi vd. en IPR 4/97 p.1. NdlR*]

*Laŭ SHEN Chengru*

## SEKCIESTROJ DE ILEI

**Albanio:** Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, Tirana

**Argentino:** Teresita Alaníz, El Ombú s/n, AR-5801 Alpa Corral

**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria 3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*

**Belgio:** Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

**Brazilo:** Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)

**Britio:** Malcom Jones, 1 Regent Avenue, Skipton, North Yorkshire BD23 1AZ

**Ĉeĥio:** Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratíškovice 938

**Ĉinio:** Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *zdchen@public.wh.hb.cn*

**Finnlando:** Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lestijarvi.fi*

**Francio*:** Marie Malezieux-Hunninck, Batiment D5, 20 rue de Champlain, FR-84200 Carpentras

**Germanio*:** Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn

**Hungario*:** József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*

**Irano:** Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 17765-184, Teheran 🖳: *IREJO@neda.net*

**Italio:** Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma 🖳: *m.latorre@uniroma3.it*

**Japanio:** Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, 181 Japanio

**Kroatio:** Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb

**Kubo:** H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana

**Nederlando:** Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@wxs.nl*

**Norvegio:** Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod

**Pollando:** Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow

**Rumanio:** Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara

**Rusio:** Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *ab2928@mastak.sitek.ru*

**Svedio*:** Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby

**Svislando*:** François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne

**Usono*:** Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521 🖳: *72644.2450@compuserve.com*

## REPREZENTANTOJ DE ILEI

**Armenio:** Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan

**Aŭstrio:** Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, AT-1190 Wien 🖳: *klag.esperanto@online.edvg.co.at*

**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V, BIH-71000 Sarajevo

**Ĉilio:** Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, Séptima Región 🖳: *strigo@ochilepac.net*

**Danio:** Wolfgang Kirschstein, Hvedebjergvej 30, DK-8220 Brabrand 🖳: *WK@cci.dk*

**Estonio:** Helgi Hromova, Pk. 94, EE-3053 Keila

**Hispanio**: Pedro M. Martin Burutxaga, Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes(Katalunio) 🖳: *pmarti10@pie.xtec.es*

**Islando:** Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur

**Israelo:** Murjan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv

**Jugoslavio:** Radojica Petrovic, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Cacak 🖳: *radp@emi.yu*

**Kongo:** Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, Lukala (Bas-Zaïre)

**Kostariko:** Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José 🖳: *miaumiau@sol.racsa.co.cr*

**Koreio:** So Jin Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kang-nam, Kugali Kihung-up, Yon-gin-gun, Kyonggi-do 499-900 🖳: *so@kns.kangnam.ac.kr*

**Litovio:** Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius

**Nov-Zelando:** Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 1. 🖳: *Sir_Lancelot@compuserve.com*

**Portugalio:** João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande PT-1675 Pontinha 🖳: *johanovero@mail.telepac.pt*

**Slovenio:** Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana. 🖳: *Marija.Zlatnar@guest.arnes.si*

**Togolando:** Afantchao-B.Yao, B.P. 20225 Lome

**Ukrainio:** Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev

**Uzbekistano:** Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*

**Venezuelo:** Prof. J.E. Bachrich, Apartado 70782, Caracas 1071 A

Noto: *Asteriksoj indikas la landojn, kie oni ricevas la revuon tra la landa ILEI-sekcio, do kun viaj eventualaj distribuaj problemoj bv. unue kontakti la enlandajn respondeculojn.*

## LABORKOMISIONOJ

**Ekzamena:** prez.: Atilio Orellana Rojas (adreso, kovrilo 2). Sekretario de elementa kaj meza niveloj: Hans ten Hagen, (adreso, kovrilo 3)

**Lernej-konkursa:** Géza Kurucz, Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario. Rete: kg@esperanto.nu

**Lernej-projekta:** Maŭro La Torre, Jennifer Bishop, Marija Beloševiĉ

**Terminara:** Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma, Italio

**Elekta:** Doroteo Holland - Usono, Agneta Emanuelsson - Svedio, Gwenda Sutton Nov-Zelando

**Regulara:** Rob Moerbeek, Hans ten Hagen

**Kontrola:** Membroj: Märtha Andreasson, Gertrud Lund kaj vic-membro: Bo Sandelin

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag

**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam

**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*). Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 21 rue Juliette Dodu, FR-75010 Paris

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

La membreco inkluzivas ricevon de kvar numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto. **Kasisto de ILEI:** *Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio; poŝtĝirkonto 682117-7 (Stokholmo).* Membrokotizoj en landoj kun sekcio: a) A-kategoriaj landoj (vidu UEA-dividon): 22 NLG al la sekcio aŭ 25 NLG rekte al ILEI. b) B-kategoriaj landoj: 20 NLG al la sekcio aŭ 22 NLG rekte al ILEI. c) En landoj sen sekcio: 20 NLG, pago al ILEI rekte. d) Simpla abono sen membreco (por E-societoj, bibliotekoj k.s.): 30 NLG. Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Euroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago kaj la internan konton de ILEI: *ilek-a*. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.


## REDAKCIAJ INFORMOJ

**Respondeca eldonanto** (verantw. uitgever): R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende. **Redaktejo:** NÉMETH József, HU-8500 PÁPA, Kilián ltp. 75/9. **Retadresoj**: *nlalt@konyvtar.c3.hu* (redaktoro), *smidik@rik.bdtf.hu* (vicredaktoro). Ni ambaŭ povas akcepti faksojn per komputilo, sed avertu nin telefone antaŭ ol vi faksas. **Telefon- kaj faksnumeroj**: +36-89 315-836 (red.) kaj +36-94 320-313 (vicred.). **Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, ☎ +32-3-234 34 00

La nunan numeron ni sendis al la presejo la 2-an de septembro, redaktofino por la sekva numero: la 16-a de oktobro 1998.